WIKIPEDIA

# Kataluna lingvo

La **kataluna** estas latinida lingvo parolata de preskaŭ 9 milionoj kaj duono da personoj tra la mondo. Ĝia lingva teritorio enhavas Katalunion, Valencilandon (escepte kelkaj regionoj), Balearojn, Andoron, orienton de Aragono (Aragona Strio), la urbon Algero (en la insulo Sardio), Nordan Katalunion kaj *el Carxe* (elp. el Karŝe), eta regiono de Murcio.

La plej proksima al la kataluna lingvo laŭ parenceco estas la okcitana lingvo, kiu estas disvastiĝinta sude de Francio. Estas evidenta parenceco de tiu ĉi lingvo ankaŭ kun la lingvoj de Pirenea duoninsulo (la hispana kaj la portugala).

## Enhavo



**Kataluna lingvo**

***Català, valencià***

La kataluna lingvo etendiĝas trans kvar ŝtatoj (Hispanio, Andoro, Francio kaj Italio)

| | |
|---|---|
| **Parolata en** | Hispanio, Andoro, Francio kaj Italio |
| **Regiono** | Katalunio, Valencilando, Balearoj, oriento de Aragono (Aragona Strio), Andoro, Rusiljono, Algero (Sardio) |
| **Parolantoj** | 11 5 milionoj [1] |
| **Skribo** | latina alfabeto, kataluna alfabeto |
| **Lingvistika klasifiko** | |
| Hindeŭropa | |
| Italika | |
| Latinida | |
| Okcidentlatinida | |
| **Kataluna** | |
| **Oficiala statuso** | |
| **Oficiala lingvo en** | Katalunio, Valencilando, Balearoj, Andoro, Algero |
| **Reguligita de** | Institut d'Estudis Catalans<br>Acadèmia Valenciana de la Llengua |
| **Lingvaj kodoj** | |
| **Lingvaj kodoj** | |
| **ISO 639-1** | ca |
| **ISO 639-2** | cat |
| **ISO 639-3** | cat |

## Disvastiĝo

La katalunan lingvon komprenas proksimume 10 milionoj da homoj en Hispanio (Katalunio, Valencio), en Balearoj, sude de Francio, en Italio (Sardio) kaj en Andoro. La zono de disvastiĝeco de la kataluna lingvo nomiĝas *Països Catalans* (Kataluna Landaro). Ĉirkaŭ 7,7 milionoj da parolantoj aktive uzas la lingvon, kaj 4,4 milionoj nomas la katalunan sia ĉefa lingvo de komunikiĝo. Oni distingas orientajn kaj okcidentajn katalunajn dialektojn. La orienton de Katalunio, la sudon de katalunlingva Francio, Balearojn kaj Sardion oni rilatigas al okcidentaj katalunaj dialektoj. La ĉefa kriterio de tia distingado estas elparolo de neakcentitaj *o*, *e* kaj *a*. En okcidentaj katalunaj dialektoj tiuj sonoj estas elparolataj same, kiel ili estas redonataj per skribo, dum en orientaj dialektoj *o*, *e* kaj *a* neakcentitaj estas elparolataj kiel la angla [ə], tiel nomata ŝvao.

| | |
|---|---|
| **SIL** | cat |
| **Glottolog** | stan1289 |
| **Angla nomo** | Catalan |
| **Franca nomo** | catalan |

**Specimeno**

La Patro Nia :

> *Pare nostre que esteu en el cel,*
> *sigui santificat el vostre nom.*
> *vingui a nosaltres el vostre regne,*
> *faci's la vostra voluntat,*
> *així a la terra com es fa en el cel.*
> *El nostre pa de cada dia,*
> *doneu-nos senyor el dia d'avui,*
> *i perdoneu les nostres culpes,*
> *així com nosaltres perdonem els nostres deutors.*
> *I no permeteu que caiguem en la temptació*
> *ans deslliureu-nos de qualsevol mal.*
> *Amén.*

**Vikipedio**

## Katalunaj dialektoj kaj nomoj de la lingvo

Dum longa tempo oni diskutas, ĉu oni devas rigardi la valencian kiel memstaran lingvon aŭ kiel unu el la dialektoj. Kelkaj valenciaj organizaĵoj luktas por agnosko de la valencia dialekto kiel memstara lingvo, tamen plimulto kaj de sciencistoj, kaj de la parolantoj mem rigardas la valencian kaj la katalunan kiel unu lingvon. Jen iu kompromisa opinio: "Ekzistas unu lingvo, kiu en Katalunia nomiĝas la kataluna, kaj en Valencio – la valencia". Aliaj aŭtoroj opinias, ke la kataluna kaj la valencia lingvoj estas du malsamaj lingvoj, kiuj devenas de la okcitana lingvo. Sekve ekzistas kelke da variantoj por nomi la lingvon kaj ĝiajn partojn:

1. La **kataluna lingvo** kun kelkaj dialektoj, unu el kiuj estas la valencia;
2. La **kataluna-valencia** lingvo (malpli ofte – kataluna-valencia-baleara) kun kataluna kaj valencia variantoj;
3. La **unueca lingvo** kun malsamaj nomoj: en Katalunio – la kataluna lingvo, en Valencio – la valencia.

## La historio de la evoluo de la kataluna lingvo

La unuaj dokumentoj oni rilatigas kun la 9-a jarcento. La lingvo estiĝis sur la bazo de la vulgara latino norde de Pirenea duoninsulo. Dum la malfrua Mezepoko la kataluna lingvo estis literatura kaj nacia lingvo de granda prestiĝo. Tiutempe, kiam en Katalunio ankoraŭ ĉirkaŭ la 15-a jarcento la lingvo de poezio estis la okcitana lingvo, por la kataluna lingvo (kiel por la unua romanida lingvo) estis malfermitaj tiaj kampoj de aplikado, kiel filozofio kaj scienco.

Post edziĝo de Ferdinando la 2-a de Aragona rando kun Izabela la 1-a de Kastilio en 1469, la kataluna nobelaro komencis transiri al la kastilia lingvo, kio alkondukis al malvastigado de la kampo de aplikado de la kataluna lingvo kaj al la estiĝo de duglosa situacio, kiun ni povas spekti ankaŭ nuntempe. Tre negativan influon havis reprezalia lingva politiko de la Burbonoj en la 18-a jarcento, kies kialo estis tio, ke la katalunoj

dum la Milito de hispana sukcedo batalis ĉe la flanko de Habsburgoj. La kataluna lingvo estis oficiale malpermesita en Katalunio ekde la enkonduko de la Dekreto de *Nova Planta* (1716) kaj en Valencilando (1707). En Norda Katalunio jam estis oficiala simila malpermeso ekde la jaro 1700.

Dum la unua duono de la 19-a jarcento, kiam la kataluna lingvo estis definitive forigita el ĉiuj sferoj de uzado, komencas formiĝi la rezista movado, t.n. *Renaixença* (= renaskiĝo). Komence tiu movado ne eliradis ekster la limojn de literaturo, sed dum la 20-a jarcento ĝi akiris politikajn kaj naciajn trajtojn. La situacio por la kataluna lingvo estis pli favora, ol, ekzemple, tiu por la galega lingvo. Ja politika kaj socia elito (nobelaro, verkistoj) rifuzis la lingvon dum tempo de dekadenco (la 16–19-a jc.), sed simpla loĝantaro kaj pastraro restis fidelaj al la kataluna lingvo, kio konservis por ĝi certan socian prestiĝon.

Dum la 20a jarcento, en la Hispana Ŝtato, ĝi estis malpermesita dum la diktaturoj de Primo de Rivera (1923–1930) kaj Franko (1939–1975). Inter la du regadoj iĝis eblaj la unuaj politikaj sukcesoj, tiel dum la 1930-aj jaroj la kataluna eĉ akiris statuson de la dua oficiala lingvo en Katalunio. Sed tiu sukceso nelonge daŭris. Venko de Franko en Civita milito (1936–1939) alkondukis al malpermeso de uzado de la kataluna lingvo – ĝis la altirado al la kriminala respondeco. La kataluna lingvo restadis en tiu stato ĝis la fino de la diktaturo de Franko en 1975. Demokratiigo de Hispanio alkondukis al granda aŭtonomiĝado de apartaj provincoj. En 1979 la kataluna lingvo reakiris oficialan statuson.

### Ĉarto en Norda Katalunio

En Norda Katalunio, la Ĝenerala Konsilantaro de Orientaj Pireneoj la 10-an de decembro 2007 proklamis la katalunan departementa lingvo apud la franca per Ĉarto favora al la kataluna[2]-

Tiu Ĉarto fiksas jenajn celojn :

- garantii la pluvivon kaj la transdonon de la kataluna lingvo, kio signifas inversigon de la tendenco malkreska de katalunparolantaro
- permesi la uzon de la kataluna por ĉiu loĝanto de la departemento, kiu tion deziras: lerni, aŭskulti, paroli kaj legi katalune
- garantii la ĉeeston de la kataluna en ĉiuj sekcioj de la publika kaj socia vivo de la departemento dank'al disvolvo de dulingvismo
- Kontribui integrigigi novajn loĝantojn kaj partopreni en la socia kohereco kaj la ekonomia disvolvo de la departemento dank'al respekto de la lingva kaj kultura personeco de la kataluna.

Kiel unua sekvo de tiu Ĉarto nun troveblas stratŝildoj dulingvaj en la departemento.

## Nombro da parolantoj en la mondo kaj kapablo

### Teritorioj, kie la lingvo havas oficialan statuson aŭ kun-oficialan

| Teritorio | Komprenas | Parolkapablaj |
|---|---|---|
| Katalunio | 6.502.880 | 5.698.400 |
| Valencilando | 3.448.368 | 2.407.951 |
| Balearaj insuloj | 852.780 | 706.065 |
| Andoro | 62.013 | 57.395 |
| | | |

### Teritorioj, kie la lingvo ne havas oficialan statuson

| Teritorio | Komprenas | Parolkapablaj |
|---|---|---|
| Norda Katalunio | 256.583 | 145.777 |
| Aragona Strio | 50.406 | 49.398 |
| Carxe | Sen datumoj | Sen datumoj |
| Cetera mondo | 350.000 | 350.000 |
| | | |

| | | |
|---|---|---|
| Algero | 34.525 | 26.000 |
| **TOTAL** | **10.900.566** | **8.895.811** |

| | | |
|---|---|---|
| **TOTAL** | **656.989** | **545.175** |

## Sumo de parolantoj

| Teritorio | Komprenas | Parolkapablaj |
|---|---|---|
| Katalunaj Landoj | 11.207.555 | 9.090.986 |
| Resto de la mondo | 350.000 | 350.000 |
| **SUMO** | **11.557.555** | **9.440.986** |

## Scio de la lingvo (2003-2004)

| Teritorioj | Paroli | Kompreni | Legi | Skribi |
|---|---|---|---|---|
| Katalunio | 84,7 | 97,4 | 90,5 | 62,3 |
| Valencilando | 57,5 | 78,1 | 54,9 | 32,5 |
| Balearaj insuloj | 74,6 | 93,1 | 79,6 | 46,9 |
| Norda Katalunio | 37,1 | 65,3 | 31,4 | 10,6 |
| Andoro | 78,9 | 96,0 | 89,7 | 61,1 |
| Aragona Strio | 88,8 | 98,5 | 72,9 | 30,3 |
| Algero | 67,6 | 89,9 | 50,9 | 28,4 |

(% de la loĝantaro de 15 kaj pli da jaroj).

***Fontoj:*** **Katalunio**: Dades del cens de l'any 2004, Institut d'Estadística de Katalunio, Generalitat de Katalunio[1] (http://www.idescat.net/dequavi/Dequavi?TC=444&V0=1&V1=1). Dades sociolingüístiques de l'IEC, any 2003[2] (http://www.iecat.net/CRUSCAT/documents/coneixementiusos/index.htm).**Valencilando**: Dades del cens de l'any 2004, Institut Valencià d'Estadística, Generalitat Valenciana[3] (http://ive.infocentre.gva.es/pls/portal/docs/PAGE/IVE_PEGV/CONTENTS/padron/p2002/ini_val.htm). Dades sociolingüístiques de l'IEC, any 2004[4] (http://www.iecat.net/CRUSCAT/documents/coneixementiusos/index.htm).**Balearaj insuloj**: Dades del cens de l'any 2002, Institut Balear d'Estadística, Govern de les Balearaj insuloj[5] (http://www.caib.es/ibae/demo/evolucio_poblacio/ccaa.htm).Dades sociolingüístiques de l'IEC, any 2002[6] (http://www.iecat.net/CRUSCAT/documents/coneixementiusos/index.htm). **Nordkatalunio** : Estadística sobre els usos lingüístics a la Nordkatalunio 2004 (EULCN 04), dades corresponents al 1999, Generalitat de Katalunio[7] (http://web.archive.org/web/20110819073929/http://www20.gencat.cat/docs/Llengcat/Documents/Dades%20origen%20Teritorio%20i%20poblacio/Altres/Arxius/catnord2004.pdf). **Andoro**: Dades dels cens, Servei d'Estudis, Ministeri de Finances, Govern d'Andoro[8] (http://www.estadistica.ad/indexdee.htm). Dades lingüístiques de l'IEC, any 1999[9] (http://www.iecat.net/CRUSCAT/documents/coneixementiusos/index.htm).**Franja de Ponent**: Dades de població, Centre de Recerca i Documentació Pau Vila[10] (http://www.pauvila.net/). Dades sociolingüístiques de l'Euromosaic[11] (http://www.uoc.edu/euromosaic/web/document/catala/an/e19/e19.html). **Algero**: Estadística sobre els usos lingüístics a l 'Algero 2004 (EULA 04)[12] (http://web.archive.org/web/20110819073851/http://www20.gencat.cat/docs/Llengcat/Documents/Dades%20origen%20Teritorio%20i%20poblacio/Altres/Arxius/eula2004.pdf). Dades de població, Ministeri d'Economia i Finances italià. **Resta del Món**: Estimació 1999 de la Federació d'Entitats Catalanes a l'exterior.

## Socia uzo de la kataluna

| Teritorioj | Hejme | Surstrate |
|---|---|---|
| Katalunio | 45 | 51 |
| Valencilando | 37 | 32 |
| Balearaj insuloj | 44 | 41 |
| Norda Katalunio | 1 | 1 |
| Andoro | 38 | 51 |
| Aragona Strio | 70 | 61 |
| Algero | 8 | 4 |

(% de la loĝantaro de 15 kaj pli da jaroj).

***Fontoj:*** Video kaj notico kiu klarigas la uzon de la kataluna eltirita el studo de la Generalitat.[13] (https://www.youtube.com/watch?v=RJuRoSw5isU)[14] (http://www.noticies.cat/pnoticies/notItem.jsp?item=noticia&idint=223737)

Laŭ datumoj de UNESKO kataluna nun estas la 22-a plej tradukita lingvo al aliaj lingvoj en la mondo. [3]. Laŭ studo de Jordi Mas, el Softcatalà, la kataluna estas la 23-a plej uzata lingvo en Interreto.[4]

# Lingvaj trajtoj

## Fonetikaj informoj

En akcentita pozicio povas troviĝi sep vokaloj: *i*, *e* vasta, *e* malvasta, *a*, *y*, *o* vasta kaj *o* malvasta. En neakcentita pozicio la vokalara sistemo varias depende de dialekto. En la centra dialekto ĝi enhavas *i*, *u*, *ə*, en okcidentaj dialektoj – *a*, *e*, *o*, *u*, *i*.

## Silaboj

Ĉefaj tipoj de silaboj: V, VK, VKK, KV, KVK, KVKK, KKVK, KVV.

## La konsisto kaj la karaktero de morfologiaj kategorioj

Substantivoj havas kategorion de genro: vira/ina. La genro de adjektivoj akordiĝas kun la genro de substantivoj helpe de finaĵoj.

## Skribo

Kiel grafikan bazon de la kataluna lingvo oni uzas latinan alfabeton kun aldonado de vico da specialaj literoj. Sekvanta periodigado estis ellaborita nur por la literatura skriba lingvo. En ĝi oni distingas la fruan periodon – ekde la 9-a ĝis la 15-a jc.; la mezan – ekde la 16-a ĝis la 19-a jc., kaj la modernan – ekde la 19-a jc. ĝis nuntempo.

## Esperantaj vortoj el kataluna origino

- barako -> *barraca* [bərákə]
- paelo -> *paella* [pəéʎə]
- porĉo -> *porxo* [pɔɾʃu]

## Kelkaj ekzemploj

| *Esperanto* | Kataluna | Hispana |
|---|---|---|
| *Mi iras al la superbazaro.* | Vaig al supermercat. | Voy al supermercado. |
| *Mi laboris ĉe la fajrobrigado.* | Vaig treballar pels bombers. | Trabajé para los bomberos. |
| *Mi ne povas fari* | No puc pas fer-ho. | No puedo hacerlo. |

| | | |
|---|---|---|
| *tion.* | | |
| *Ĝis morgaŭ.* | Fins demà. | Hasta mañana. |
| *Adiaŭ!* | Adéu! | ¡Adiós! |
| *Bonvolu.* | Si us plau / Per favor. | Por favor. |
| *Forko.* | Forquilla. | Tenedor. |
| *Ni vespermanĝis.* | Hem sopat. (la saman tagon)<br><br>Vam sopar. (Hieraŭ kaj pasinteco) Sopàrem. (Literatura, en fabeloj) | Hemos cenado. (Iberia hispana)<br><br>Cenamos. |
| *Mi amas vin.* | T'estimo. | Te quiero. |

# Notoj kaj referencoj


1. ↑ http://www.ethnologue.com/ethno_docs/distribution.asp?by=size
2. ↑ http://www.cg66.fr/culture/patrimoine_catalanite/catalanite/charte.html
3. ↑ Rànquing de traduccions (http://databases.unesco.org/xtrans/stat/xTransStat.a?VL1=SL&top=50&lg=0)
4. ↑ Estudi sobre l'ús del català a Internet (http://www.softcatala.org/articles/article26.htm)


# Vidu ankaŭ

- Instituto de Katalunaj Studoj
- Institut Ramon Llull
- Kataluna signolingvo
- Valencia signolingvo
- Kataluna Landaro
- Katalunlingva literaturo
- Els Segadors
- Okcitana lingvo
- Antònia Vicens
- Bressola

# Eksteraj ligiloj

- Informoj pri la kataluna lingvo en Esperanto (http://www.esperanto.cat/La-kataluna,32.html)
- Catalan 101 (http://www.101languages.net/catalan/) Learn Catalan online (English)
- Vikilibro pri la kataluna (https://eo.wikibooks.org/wiki/Kataluna) Por iom lerni la katalunan
- La katalunia referendumo kaj kio estis malantaŭ ĝi (http://www.europo.eu/eo/documentloader.php?id=471&filename=eb-175-2017-11.pdf)